Zesde Jaargang, Nummer 2 Verschijnt vierwekeliks 10 Februarie 1934

LABORISTA ESPERANTISTO
ARBEIDER ESPERANTIST

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

Redaksie: Middenweg 226, Amsterdam-O. Sekretariaat en Administratie van de Fed. van Arbeiders-Esperantisten: Postbus W 6, Amsterdam-W. Postgiro Amsterdam No. 144698. Gem. Giro A'dam F 930 In België: Tweemontstr. 124, Deurne-Antwerpen

Abonnementsprijs f 0,75 per jaar. Voor leden gratis. Prijs losse nummers f 0,05 per eksemplaar. Oplaag 4100 eksemplaren.

# Raporto pri la Federacio en la jaro 1933

## ENKONDUKO.

Ĉar la redaktoro en sekvonta numero skribos nederlandlingvan rerigardon pri la pasinta jaro, ni nun rezignis je tio, ankaŭ ĉar la ĉiam pli kreskanta laboro en regule kreskanta organizo postulas pli ampleksan raporton.
Ni do ĉi sube nur priskribas la faritan laboron de la Federacio-estraro en la pasinta jaro. La financaj raportoj aperas aparte, nome tiu de la Fed.-kasisto en la nuna kaj pri la Libro-Servo en la marta numero de nia gazeto.

## LA INTERNA FORTO DE LA FEDERACIO.

En periodo de nigra krizo, dum kiam la senlaboreco furiozas en niaj vicoj kaj akra dissplitiĝo pelas la proletaron en skismojn, dum kiam en la tuta mondo atako post atako estas entreprenata kontraŭ la laboristaron (inter si batalantan), la federacio kreskis. Sub malfacilaj cirkonstancoj kaj venkante multajn malfacilajojn ĝi plenumis sian taskon. Fortiga estas la kresko konsiderante ĉi ĉion.

*Fondiĝis novaj sekcioj en:* Alkmaar, A'dam XII, XVI kaj XVII, Bautsch-Terwinselen, Boom, Broek in Waterland, Deurne, Grouw, Hago V, Haarlem II, Huizen, Ostende, Purmerend, R'dam V, VI, VII, VIII kaj Zeist. Do entute 19. (Ni mencias Hago V kun rezervo pro la fakto ke ĝia aliĝo pro internaj malfacilajoj eble ne povas realiĝi).

**Membronombro.**
Fine de la jaro 1932 ni nombris **62** sekciojn, fine de ĉi jaro **81.**
La nombro de la anoj en la sekcioj kreskis per 390 ĝis 2193, (antaŭan jaron estis 1805); de la ĝeneralaj membroj per 13 ĝis 82, (antaŭan jaron estis 69); (kelkaj ĝeneralaj membroj fondis novan sekcion aŭ aliĝis al iu sekcio), simpatiantaj membroj malkreskis per 42 ĝis 26 (a. j. estis 68) kaj la simp. org. malkreskis per 3 ĝis 20 (a. j. estis 23).

Entute **la membronombro kreskis per** 356 ĝis2321.
Sendube nombro, kiu ĝojigas nin sed samtempe instigas nin koncentrigi niajn fortojn por ke estonte ni sukcesu arigi pli da novaj batalantoj por nia ideo: esperantigi la laboristaron por la servo de tutmonda movado proleta. Por kompari nian kreskadon sekvas jenaj ciferoj:

Fine de 1933 la membronombro estas 2321
„ „ 1932 „ „ estis 1965
„ „ 1931 „ „ „ 1561
„ „ 1930 „ „ „ 1133
„ „ 1929 „ „ „ 450
„ „ 1928 „ „ „ 166
„ „ 1927 „ „ „ 75

Raportinte pri la nigra periodo en kiu ni devas labori kaj batali por nia movado kaj per ĝi montrante, ke la kerno de nia Federacio kapablas akcepti la batojn de ĝi, ni tamen ne povas ne atentigi vin pri la konstato, ke la aliĝo de proksimume 800 novaj anoj rekrutigitaj el la kursoj fakte nur rezultis pligrandiĝon de la membronombro per 356. La antaŭan jaron la kresko estis 404. Tio sendube estas grave influata de la nigra periodo sed tamen tio igas nin direkti nian atenton al tiu flanko. Ĉu ne eblas forigi la barojn, kiuj malebligas daŭran aliĝon de la rekrutigitaj novaliĝintoj? En ĉiuj rondoj ĉu esperantista, ĉu neesperantista ni trovas la samon nuntempe. Kaj precipe en nia movado kiu postulas multon de niaj anoj ni povas konstati, ke tio estas sentata. Pri tio atestas L. E. en kiu daŭre aperis tiurilataj konsideroj, konsiloj, ktp. Ĉiu sekcio en propra rondo severe esploru tion.

La periodo estas nigra, sed forte brilas en la interno de la Federacio la verda stelo, kiu sendube iam ludos gravegan rolon en la batalo de la proletaro. Ne laciĝu plifortigi nian federacion spite konfuziga krizo, kiu efikas skismige kaj dissplitige. La interna forto de la federacio ebligas al ni konstrue labori, tio sendube instigas nin daŭrigi.... obstine kaj insiste.

## LA FEDERACIA KONSILANTARO.

La federacia konsilantaro, kiu konsistas el reprezentantoj de la prov. distriktoj, kiuj ĉiuj por tio elektas unu konsilantaranon, kunvenis 2 fojojn. Ĉi tiu instanco estas la rekta interligilo inter la provincaj distriktoj kaj la estraro. La konsilantaro funkcias kiel kompletiga estraro. La plej gravaj internaj problemoj, tiel en la fed.-estraro kiel en la ĝeneralaj aranĝoj estas pritraktataj en la konsilantaraj kunvenoj. Tio donas certan bazon por la necesaj laboroj kaj direktas la konsiderojn de la fed.-estraro. Per ĝi ni havas la kontakton kun la tuta regiono. Principaj konsideroj pri agado de la federacio laŭ starpunkta flanko trovas solvon en la konsilantaraj kunvenoj.
Malgraŭ ke ĝi ekzistas fakte ankoraŭ tre mallonge, ĝi tamen jam montras sian neceson kaj la federacia estraro submetis al ĝiaj konkludoj la konjektojn por la estanta kaj estonta laboroj.
La vojaĝelspezoj de la konsilantaranoj estas pagataj el la federacia kaso. Precipe la Libro-Servo ebligas tion. Ĉar ĝi jam estas kaj sendube estos grava instanco, ni ne povas ne instigi vin doni viajn fortojn kaj laboremon al ĝi. Tiel ni povas certigi al ni la eblon por daŭriga konstruado favore al nia Federacio. Necesas, ke ĉiu prov. distrikto certigas sin pri reprezentado en la kunvenoj. Estas nepardonebla eraro, kiam en konsilantara kunveno ne ĉeestas iu reprezentanta konsilantarano el kiu ajn prov. distrikto. La federacia estraro faras sian eblon por certigi ĉeeston de ĉiuj konsilantaranoj. Nepre do ĉiu konsiderante ĉi tiun gravan flankon, severe kontrolu, ke en tiuj kunvenoj estu reprezentata la koncerna provinca distrikto. La F. K. ekfunkciis, ni sukcesigu, ke ĝi okupu la lokon, kiu estas destinita al ĝi.

## LA PROVINCAJ DISTRIKTOJ.

En la antaŭa jaro ekfunciis la provincaj distriktoj kaj kiam ni en la pasinta raporto esprimis la kialojn de ĝia starigo, tiam ni nun povas raporti pri funkciantaj distriktoj, kiuj pli malpli montris sukcesan agadon. En la pasinta jaro ni povis konstati, ke la plej grandaj distriktoj jam sukcesis aranĝi fruktedonan laboron. Tamen la malfortaj distriktoj ankoraŭ baraktas en diversaj malfacilaj cirkonstancoj; manko da mono, manko da laborkapablaj gekdoj. Estas kompreneble, ke la fed.-estraro atentis tiun flankon kaj se necese helpis. Ankaŭ per bone funkciigi la distriktojn montriĝis necese mone kaj per prop. materialo subteni.
Menciindaj estas la laboroj de diversaj distriktaj estraroj, kiuj sukcesis en tiu mallonga tempo, sub tre malfacilaj cirkonstancoj fari gravan porpropagandan laboron. La praktiko montras, ke la starigo de la distriktoj estis bona organiza faro, kaj ili formas necesan radon en la aparato de nia federacio.

## NIAJ KURSOJ.

*4250 kursanojn ni enskribis!*

La materialo per kiu ni en la estonto devas plifortigi nian movadôn ni trovas en la kursoj. Niaj kursoj estas do grava flanko de nia movado. Ĝi alportos la fruktojn. Ĉu la rikolto estos riĉa aŭ ĉu ĝi estas malgrasa? Tio dependas de diversaj cirkonstancoj kaj ne lastloke de la spirita ligo inter la kursanoj kaj la kursgvidantoj. Ĉi lastaj ja havas gravan taskon, la edukan. Montriĝas en la praktiko, ke jam miloj kaj miloj sekvis esperanto-kurson, sed relative nur malmultaj plifortigas nian movadon. Tamen ni samtempe povas konstati, ke en nia movado fakte la rikolto kompare al kursoj de diversaj instancoj estas kontentiga. Tio cetere be-

daŭrinde ne signifas, ke ni povas esti kontentaj. Male la altaj ciferoj de la kursanoj daŭre igas nin taksi tro alte pri la ĝeneralaj rezultoj. La kerno el la materialo estas relative malforta. En la pasinta sezono ni konstatis, ke el la kursanoj preskaŭ nur la triono aliĝis al nia Federacio. Ne estas esploreble, ĉu poste tiu triono restis konstanta.

Estas kompreneble, ke grave influas la krizo, sed sendube sin montras en nia movado tiom da problemoj por kontentiĝi ĉiujn, ke nur la vere obstinaj kaj insistemaj aliĝintoj restis. La lokaj cirkonstancoj influas same kiel la sfero en la sekcio. Ĉi cio havas la atenton de ĉiu aktiva ano kaj jam multaj estas la konsiloj, proponoj, projektoj, ktp. por pliboniĝi tion. Koncentriĝu la volon por plifortiĝi nian movadon, la kursoj estas gravaj por nia movado sed pli grava estas la postkursa periodo.

## LA ORGANIZADO DE LA KURSOJ.

Okazis 50 ekspozicioj kaj 12 propagandaj kunvenoj; el ili rezultis 106 kursoj; anoncis sin 2600 kursanoj; ĉeestis la unuan lecionon 2450; daŭrigaj kursoj 25 kun 700 kursanoj; eksterregionaj kursoj 45 kun 800 kursanoj; 10 sekcioj okazigis porinfanajn kursojn kun 300 partoprenantoj.

Entute do 4.250 kursanoj. Ĉi statistiko tamen ne estas ĝusta pro la fakto, ke ni **ne** ricevis informojn **de ĉiujn** niaj sekcioj. La menciitaj ciferoj do raportas pri certaj nombroj.

## LA GAZETARSERVO.

Nia propra Federacio-gazetarservo ekfunkciis en Marto de la pasinta jaro. Aperis entute 18 bultenoj kun entute 135 komunikoj. Plue ĝi aperigis raportojn pri la 18a kongreso de la Federacio kaj la 13a SAT-kongreso.

Tuta reto de perantoj por la gazetarservo laŭsisteme laboras por la publikigo en la gazetoj. Ni povas konstati, ke ni havis sukceson ĉe diversaj gazetoj. Precipe la lokaj gazetoj uzas nian materialon. La ĵurnaloj nur malofte kaj neregule akceptas ion. Malgraŭ eĉ perleteraj promesoj ni ne povas esti kontentaj rilate tiun flankon. Tamen kompare al antaŭaj jaroj ni povas konstati progreson. Menciindan sukceson haviĝis al si kelkaj perantoj akirinte regulan esperantan rubrikon en diversaj gazetoj. La statistiko aperanta daŭre en L. E. atestas pri tio.

Tamen tutkontentaj ni ne povas esti. Ni ne povis konstati, ke pli da aliaj komunikoj, raportoj kaj artikoloj verkitaj de niaj anoj mem estas prezentitaj. Ni nepre utiliĝu tiun gravan ilon, la gazetaron. Tie, kie oni sukcesis sisteme aranĝi tion, oni povas konstati sukceson. Bonan laboron faris la distriktoj Nrd-Holando kaj Zd-Holando. Cetere menciinda estas la laboro de kelkaj el niaj anoj en regionoj kun tre malforta movado, kie ili tamen per insisto kaj vera obstino laboras por ĝi. Nia gazetarservo estas juna kaj fakte ankoraŭ malforta, ni kune laboru por ke ĝi fariĝu influpova instanco.

## LA EKZAMENA AFERO.

En la pasinta jarraporto ni skribis: „jam pasis **du** jaroj depost kiam ni turnis nin al la E.K." kaj nun fine de 1933 la afero ne jam ŝanĝiĝis. Tri jaroj da interkorespondado, da interparoloj, da kunvenado, da proponado da pena streĉado; tri jaroj da temporabo ne sufiĉis por trovi bazon por komuna laboro kun la Ekzameno-komitato de LEEN kaj NK. Nur la estraro de LEEN pledis por samrajta akcepto de la E.K. dum NK kontraŭis ĉiujn paŝojn deziritajn de la aliaj. Pli kaj pli montriĝis, ke malgraŭ la iamaj asertoj de la LEEN-estraro, la funkcianta E. K. de LEEN kaj NK sentas sin sendependa komitato. Ĉar la klopodoj ankoraŭ ne ĉesis ni daŭrigis la interrilatojn por efektiviĝi la celon: Ekzamena Komitato konsistiĝita el la landaj esp. organizoj laŭ samrajtaj direktivoj, egala bazo por ĉiuj societoj kaj respondeca al tiuj societoj.

## NIA EKZAMENA KOMITATO.

Pro la seniluziiĝa interrilatado pri la E.K. de LEEN kaj NK kaj la malsukceso de niaj klopodoj al kunlaboro en ĝi laŭ egalrajteco ni stariĝis laŭ kongresdecido propran Ekzamenan Komitaton.

La antaŭpreparo bezonis multon de la komitatanoj. Serioze kaj akurate la komitato plenumis sian taskon. Ne nur laŭ organiza vidpunkto tiu nia E. K. estas modelo, sed ankaŭ laŭ lingva vidpunkto ĝi montris inklinon al pli alta nivelo. Por pli detalaj informoj vidu la raporton de la sekr. de la Ekz. Kom. en la sekvonta numero.

Plej grandparte estas uzata **Nia Lernolibro** de kdo Lem. Cetere kelkaj sekcioj uzas: „Petro"; „Dirksen"; „Benink" kaj „Blok" por la elementaj kursoj. Por la daŭrigaj kursoj estas uzataj „Nia Lernolibro";„Skriba kurso"; La Konsilanto; Fundamento de Esperanto; Fundamenta Krestomatio; Gvidilo kaj aliaj.

Sendube nia movado pli kaj pli disponas pri kapablaj kursgvidantoj. Tiun flankon nia estraro ne malatentis kaj ĝi klopodis efektiviĝi la necesajn paŝojn por pliriĉiĝi ilian studterenon. Grave valoraj por tio estas la skriba kurso de kdo Faulhaber, Gvidilo tra la Esperanto-Movado de kdo De Bruin, La Konsilanto de kdo Degenkamp kaj ne lastloke la lingva rubriko en L E gvidata de kdoj Degenkamp kaj Faulhaber. Nia Lernolibro de kdo Lem sekurigis sian lokon inter la instruiloj.

## PROPAGANDO.

Alia grava flanko de nia movado estas la propagando. Estas kompreneble, ke ĝi de ĉiuj niaj instancoj, sekcioj, urbaj kaj provincaj distriktoj estas severe atentata. Almenaŭ tiel devus esti. Tamen kelkloke ni konstatis, ke oni ne utiligis ĉiajn okazojn. Ĉu laciĝo, ĉu malatento, ĉu senzorgo kelkfoje regis, aŭ ĉu ni estas tro postulemaj? Unu el la plej gravaj aranĝoj estis la eldono de nia maja numero de L. E. Ni konstatis, ke kelkaj malfortaj sekcioj streĉis plensukcese siajn fortojn por tio, sed aliflanke ni vidis, ke sekcioj preskaŭ ne partoprenis en ĝi. Tamen nia eldono en kvanto de 55.000 ekz. sukcesis. Kompare ni povas fieri pro ĉi eldono konsiderante tion, kio estas farata de aliaj esp. organizoj kaj kion ni povis atingi en la pasintaj jaroj. Tamen ĉagrenige estas, ke kelkaj sekcioj estis tiurilate preskaŭ malaktivaj. Imagiinte la rezulton atingeblan kiam ĉiuj sekcioj estus agantaj laŭ la plej aktivaj en la partopreno, ni povas esti certaj, ke la eldonkvanto certe povus superi la 100.000. Gratulon al tiuj sekcioj, kiuj per sia agado donis bonegan ekzemplon al tiuj sekcioj, kiuj malsukcesis en la partopreno. La propaganda valoro de tiuj miloj da propagandaj kajeroj certe grave apogas nin en niaj klopodoj por disvastiĝo de nia movado. Unu el la plej gravaj propagandaj iloj.

## FLUGFOLIETOJ.

Ni eldonis diversspecajn flugfolietojn, nome: Karl Marx flugfolio (100.000); la flugfolieto propagandcela por la ekspozocioj kaj kursoj (76.500) kaj kvarlingvan folieton por disdoni dum la demonstracio en Antwerpen (10.000). Ni klopodis atingi per kunlaboro de la sekcioj malkaran eldonon de flugfolieto. Ĉu ni sukcesis? Nur parte kaj tute ne kontentige. Por aranĝi ion tian necesas ĉies kunlaboro. Ni tamen ne povas anonci prezon, kiu ne sufiĉus se la eldonkvanto estas tro malalta. Tiam ni riskus gravan malprofiton. Malgraŭ ke ni per L E atentigis niajn anojn pri tio, ke la prezo malaltiĝas se la eldonkvanto plialtiĝos, kelkaj sekcioj kaj distriktoj decidis mem eldoni flugfolietojn. La Fed.-estraro eldonas ĝin precipe ankaŭ por helpi la malfortajn sekciojn, kiuj nur povas mendi negravajn kvantojn kaj tamen ne malplej ili bezonas la propagandon. Kiom da flugfolioj krome de la Fed. sekcioj estas disdonataj ni do ne scias.

Ankaŭ en propagando valoras la devizo, kuna agado plifortiĝas la movadon. Sendube la fruktedona laboro sur tiu tereno estus pliefika se ĉiuj sekcioj konus sian devon. Tial laŭdon al tiuj, kiuj subtenis tiun komunan agadon.

## EKSPOZICIA MATERIALO.

La statistiko de la Ekspozicia fako montras, ke en la jaro 1930 nia Federacio okazigis nur 10 ekspoziciojn, en 1931 jam 19, en 1932 ni atingis 37 kaj en 1933 la nombro altiĝis ĝis 50, ne kalkulante eĉ la ekspoziciojn, kiujn oni ne per la federacia materialo aranĝis. La propaganda sezono komenciĝis fine de aŭgusto kaj daŭris ĝis la 31a de decembro Krom tio kelkaj sekcioj uzis la materialon por kursfinaj festoj en marto kaj aprilo, en kiu lasta monato okazis ankaŭ ekspozicio en „Kweekschool voor onderwijzers" en Amsterdam.

Diversaj ekspozicioj estis aranĝitaj en kunlaboro kun „Instituto por popolklerigo", LEEN-sekcioj kaj ludo-ĝardenoj.

Same kiel pasintjare nia tuta materialo servis al 5 ekspozicioj, kies aranĝo ebligis okazigi samtempe 5 ekspoziciojn diversloke. La materialo, kiu estas regule prizorgata, kaj per novaj Esperanto-eldonaĵoj alpleniĝata, ni sukcesis interalie pliriĉiĝi per kompleta kolekto de ekzistantaj Esperanto-ŝlosiletoj. Kdo Israels donacis el sia proprajo diversajn Esperantistaĵojn en blindula skribo kaj multajn fotojn de nevidantaj Esperantistoj el diversaj kongresoj. Pri literatura parto en niaj ekspozocioj zorgis en multaj okazoj laŭ peto nia Libro-Servo.

Por faciliĝi la administradon de la Ekspozicia fako ni instigis la provincajn distriktojn al kolektado de propra ekspozicia materialo, kion ni subtenis per kolekto de Esperantaj gazetoj, gvidlibretoj, afiŝoj, glumarkoj ktp. Por sama celo ni komencis eldoni cirkulerojn, kiuj atentigas pri novaj eldonaĵoj senpage riceveblaj. Montriĝis, ke kelkaj provincaj distriktoj jam posedas sufiĉe amplekesan ekspozician materialon, al kies bonaspekta aranĝo ili dediĉas multan zorgon.

Ĝojiga estas la fakto, ke la ekspoziciantoj ne plu kontentiĝas per simpla dismeto de la materialo, kiel kutime antaŭe, sed ke ili serĉas novajn vojojn de aranĝo por veki la atenton de la publiko, kiu kutimas reagi nur al modernaj reklamiloj. Ni esperu, ke la kreskanta intereso kaj scio pri ĉio, kion la Esperanto-merkato prezentas, iniciatos niajn anojn pri pli efika kaj trafa aranĝo de la ekspozocia materialo.

En la pasinta jaro la Ekspoz. fako ricevis 456 leterojn, kartojn kaj presaĵojn, forsenditaj estis 501.

## VOJAĜANTAJ BIBLIOTEKOJ.

Pri la uzado de la vojaĝantaj bibliotekoj ni povas mencii, ke la 5 skatoloj, enhavantaj po 30 librojn, preskaŭ la tutan jaron estis en la posedo de la sekcioj. Entute 10 sekcioj pruntepenis vojaĝantan bibliotekon. Same kiel en la antaŭa jaro kelkaj sekcioj petis plilongigon de la tempdaŭro kion ni grandparte povis plenumi. Kelkfoje montriĝis, ke kelkaj libroj ne sufiĉe aŭ tute ne estis legataj. Ni konkludis el tio, ke eble kelkaj el ili estis tro malfacile legeblaj pro la stilo aŭ io alia. Ni tamen neniam ricevis plendojn pri tio. Libroj, kiuj preskaŭ ne estis legataj, estas anstataŭitaj per plifacile legeblaj. La bibliotekoj ĉefe estas pliriĉigitaj per la, por recenzo de la redaktoro de L E ricevitaj libroj, ĉar laŭregulare ĉiuj recenzitaj libroj venas en la Fed.-bibliotekoj.

Se iaj libroj ne plaĉas aŭ ne estas laŭ la gusto de la leganto, oni menciu tion al ni. Malagrable estas konstati, ke kelkaj sekcioj post la uzado forgesis pleniĝi la en la skatolo troviĝantan katalogon, malgraŭ ni tion ĉiam afable petas. Tion oni de nun nepre faru antaŭ la trasendo al alia sekcio aŭ al ni. Ni bezonas ĉion por kompili plejĝustan statistikon. Ni do kalkulas je ĉies kunhelpo.

## KUNLABORO KUN ALIAJ INSTANCOJ.

La IvAO interrilatis kun ni por eldoni elementan skriban kurson. Ĉar skribaj kursoj por komencantoj sen klarigoj antaŭ la mikrofono, ne povas doni kontentigan rezulton kompare al la peno, ni konsideris tiun proponon neakceptebla ĉar la VARA ne disponigas al ni sian mikrofonon por tiu celo. Ni ĉiuj konas tiun „historion de l' suferado". Ni daŭre kontaktis kun ambaŭ instancoj. La IvAO rekte ankaŭ interrilatis pri tio kun VARA. Post longdaŭra korespondado pri ĉi afero VARA konigis sian decidon, ke ĝi ne okazigos kursojn antaŭ la mikrofono. Jen la malgrasa rezulto. Tiu neklarigebla sinteno de VARA kaŭzis al ni multe da temporaba korespondado.

Antaŭ la mikrofono de la VARA paroladis kdo Krijt por propagandi por niaj kursoj. Dua parolado malsukcesis pro miskompreno de la parolanto, kiu pro tio ne ĝustatempe povis atingi la studion. Tamen montriĝis denove, ke tiaj paroladoj bone efikis.

Al la kongreso de IVV (Internacia Sindikata Federacio) ni sendis salutleteron seplingvan en kiu estas instigo al akcepto de la esperanto-propono. Instalo de ekspozicio malsukcesis, malgraŭ iama konsento pri tio, pro la fakto, ke la IVV ricevis eraran informon pri la personoj, kiuj prizorgus tion. Ni interrilatis kun IVV por forigi tiun miskomprenon. Estas kompreneble, ke ni atentas tiun flankon, ke samtendencaj kdoj laboru por oficialaj laboristaj instancoj.

## KOLPORTADO.

Resume ni povas diri, ke sur la propaganda tereno ankoraŭ multe estas utiligebla por nia movado. Estas kompreneble, ke ankaŭ L E, nia gazetarservo kaj niaj eldonaĵoj ludas gravan rolon. Ĉi raporto tamen ne estus kompleta se ni ne memorigus la broŝuron de kdo De Bruin: Wat ieder van Esperanto weten moet" kaj la murafiŝo de kdo De Geest: „Arbeiders leert Esperanto". Ili ja montriĝis bonaj kaj taŭgaj iloj por nia propagando. Por la kolportado la broŝuro de kdo De Bruin estas fakte ideala dum la murafiŝo atentigas la publikon pri esperanto kaj nia movado.

Kontentiga kolportado pri kiu preskaŭ ĉiu sekcio raportas favore, certe instigas eĉ la plej pasivajn anojn nun partopreni en ĝi kaj la sekciaj estraroj ne ripozu antaŭ ol ili estas certaj, ke la tuta forto de la sekcio estas mobilizita. Jetegu nian propagandan povon al la publiko, ni sendube sukcesplene povas instigi la publikon per tiu kolportado. Cetere la broŝuro „Esperanto op de scholen" kaj la konata broŝuro de kdo Lanti „Het Arbeiders Esperantisme" kompletigas la tuton. Laboro por ĉiu, okazo por propagandi daŭre kaj ĉie. Se ni sukcesas plene utiligi ĉi ĉion, ni sendube en proksima estonto vidos la ĝojigan rezultaton, ke nia movado profitas pro ĝi plejaltgrade. Necesas por tio ĉies kunlaboro. Neniu poste bedaŭros kaj jam nun ni povas konstati ke nia propagando enpenetras. Tial sisteme agadu per tiu propagando.

## NIA ORGANO L. E. KAJ SENNACIULO.

Kie estas la tempo en kiu nia organo L E aperis en simpla 4 paĝa faldita folieto? Nun ĝi prezentas sin al vi bonaspekte, fortimprese kaj alloge, sed kelkaj el ni ankoraŭ memoras, kiel la simpla folieto en 250 ekz. de ni estis atentita la unuan fojon, antaŭ 5 jaroj. Nun **ĝi atingis eldonkvanton de 4100.** Nombro, kiu jam influas konstateble. Raportante pri la jaro 1933, ni memoras kiom da peno, kiom da laboro, kiom da risko, kiom da sindono, kiom da zorgoj ĝi bezonis por atingi la nunan nivelon. Ĝi montriĝis estis grava komunikilo, kiu informe, eduke kaj interlige plenumis gravan taskon en nia movado. Ĝi jam fariĝis la amiko en multaj hejmoj sed ĝi ankaŭ jam fariĝis la timata informanto de tiuj, kiuj klopodas ataki nian movadon. Laborista Esperantisto, L. E., estas jam fama nomo ne nur en esperantistaj viĉoj sed ankaŭ ekster niaj viĉoj kaj ĝi jam venis multfoje en rondoj neesperantistaj por informi pri nia movado pri niaj sukcesoj, pri niaj vanaj klopodoj, pri eraraj opinioj, pri trompigcelaj informoj, pri malbona kompreno, pri internaciaj rilatoj, pri kompatindaj interkomprenigmetodoj de internaciaj kongresoj sen esperanto kaj pri ĉio alia, kio valoras por ĉiu, ĉu esperantisto ĉu neesperantisto.

Laŭ decido en nia pasinta kongreso, ĝi nun aperas unufoje en ĉiu monato, aliflanke anstataŭigita de „Sennaciulo". Entute aperis en 1933: 19 numeroj kun entute 154 paĝoj. Pro la aranĝo kun S-ulo ni tamen povas konstati, ke ĉi lasta provizis niajn anojn per la ĝeneralaj internaciaj informoj kaj vekas ĉe ili la necesan emon al monda interkontakto. L. E. fakte nur povas servi al la unua parto, sed tio kompreneble bezonas spacon, kiu nun ne estas postulata dum la valoro kiel monda organo, kia estas „Sennaciulo", neniel povas esti plenumata de L. E. ĉar ĝi nur intencas esti propagandcela kaj lingvoregiona organo. Ĝi ja ne povas esti la konkurenca organo al iu internacia organo.

Ĉar ne plu aperas en la gazeto kiel antaŭe, la serio da anoncoj, kiu daŭre postulis tutan paĝon, tiu spaco nun estas plena utiligita al la necesaj komunikoj ktp. Tial la nombro da paĝoj en la pas. jaro laŭ enhavo estis samkvanta ol en la jaro 1932. Resume ni povas opinii, ke la nuna aranĝo sufiĉas por la necesa interligo, dum la livero de S-ulo donas al niaj anoj la ideologian bazon, kiun ĉiu esperantisto eksentis alloga kaj necesa en la evoluado de la socialismo kaj de la mondskalaj interrilatoj. La lingvopaĝo sub gvidado de kdoj Degenkamp kaj Faulhaber same plenumis sian gravan taskon. Montriĝis, ke oni ĝenerale alte taksas tiun ribrikon. Serio el ĝiaj artikoloj aperis kiel libro sub la konata nomo „La Konsilanto". Cetere daŭre aperis la komunikoj en ĝi de la federacia estraro, de la distriktoj, sekcioj kaj la raportoj pri la estraro-kunvenoj.

Ni intersanĝis nian gazeton kun 60 eksterlandaj esp. gazetoj.

## LIBRO-SERVO.

La Libro-Servo ankoraŭ juna kaj fakte en la infanŝuoj jam montris plenan viglecon. La financa raporto donos bildon pri la forto de ĝi en cifera grafiko. Ĉi tiu raporto aperos en Marto.

Komence nur kelkaj libretoj kaj speciala aranĝo kun iu entrepreno por certigi al si tujan liveradon de diverspecaj verkoj. Baldaŭ kreskante ĝis memstara fako, ĝi montras la povon de nia Federacio kaj la kapablon por utiligi tiun povon. La kelkaj libretoj nombriĝis ĝis pli grava kvanto zorge metita en angulo de ĉambreto kaj (ne ridu) ankaŭ sub la lito, ĉar spaco mankis. Poste ĝi trovis pli bonan lokon en granda libroŝranko, kiu okupis la ankoraŭ liberigeblan parton de la ĉambro. Sub tiuj cirkonstancoj la L. S. kreskis favore kaj spite ĉiuj malhelpajoj. Ĝi prizorgis alian gravan parton, nome la eldonadon. Kaj ĉirkaŭ la libroŝranko grandaj kvantoj da libroj, broŝuroj, L.E.-oj kaj flugfolietoj trovis lokon. Sed grandskale ĝi anoncis pri favoraj prezoj, pri partopagoj, sub devizo: „Ĉiu esperantisto sian propran bibliotekon" kaj fine de la jaro ĝi riskis akcepti proponon por eldoni katalogon, allogan kaj ampleksan. La prizorgo de la „magazeno" bezonis multon kaj ne lastloke de la edzino de nia kasisto. En ilia domo ja la L. S. vidis sian ludilon. Ĉar evidentiĝis, ke la prizorgo de ĉi ĉio postulis tro multe ni trovis aranĝon por dungi helpantinon por kdino Koch, kiu lasta pro tio disponigis sin por dumtaga administrada laboro. La senpaga katalogo en 5000 blz. allogas eĉ profesiajn entreprenojn al la L. S. Cetere la sekcioj jam spertis diversflanke pri la gravo de la L. S. tiel mone, kiel propagande. Sendube ĝi fariĝis jam grava kaj influa instanco de nia movado.

En provizo ĝi havas grandan kvanton da libroj por tuja liverado.

Kiel eldonaĵoj de la Federcio aperis: Jac. Lem. Jr. Nia Lernolibro (3000 en 1932 kaj 4000 en 1933 = 7000 - preskaŭ tute elvendita;) G. J. Degenkamp, La Konsilanto, 3000 ekz. - vendiĝis 1500; Skriba Kurso de Faulhaber 350 ekz.; Voor het eksamen (1000 ekz. - vendiĝis 600); Wat ieder van Esperanto weten moet, (8000 ekz. - vendiĝis 6500); murafiŝo „Arbeiders Leert Esperanto" de H. J. de Geest, (5000 ekz. - vendiĝis 1500); Amerika bestond reeds (3000) kaj diversspecaj (186.500) flugfolietoj. Krome ĝi partoprenis en la eldonoj flanke de SAT, nome Gvidilo tra la Esperanta Movado (2500 - vendiĝis 1100) Fremdvortoj; ADLEL (100 abonoj) kaj Plena Vortaro (800 ekz.) per pli malpli granda kvanto da antaŭ-mendoj, tiel ĝi certigis al si la „solrajton" por vendado en Nederlando de la Plena Vortaro. Ankaŭ la L. S. partoprenis en la denova eldono de „Esp. op de scholen" (2000 + 3000 en la antaŭa jaro vendiĝis 4000).

Akceptita jam estas propono pri nova eldono de la Skriba Kurso, sed en formo de libro sen la karaktero de skriba kurso.

Ankaŭ ni presigis 5000 Membrolibretojn kun Statuto ktp.

Super ĉio estas menciinda, ke nia L. S. tutplene estas instanco de nia fed. aparato. Per la sindonemo de la prizorganto kaj liaj helpantoj kaj sub kontrolo de la federacia estraro ĝi jam nun servas al nia Federacio precipe kaj al la esperantista movado ĝenerale laŭ motivoj, kiuj certigas kiel eble plej favoran sukceson. Ĝi ja per la plena mona profito praktike subtenas la federacion kaj per la pliriĉigo de la esperanto-instruiloj kaj propagandiloj, cetere per la disvastigo de esperantoliteraturo, la ĝeneralan esperantomovadon kaj plej menciinda ĝi plivastigis la laboristan esperantoliteraturon.

## KUNLABORANTOJ.

En la diversaj laboroj de la fed.-estraro daŭre partoprenis kaj helpis la fed.-estraron: kdino Koch en la administrado; kdino Bishoff prizorgas la rubrikon en la radio-gids; kdo Kroonder (frato de nia estrarano) helpas en la L.S.; kdo Pach per la ekspedo de L.E.; kdo Liedermooij kunhelpo por la adresaro de L.E. kdo Schatz, kiu okupas sin pri la ekspedo de interŝanĝnumeroj de L. E.; kaj kdo Kruit, kiu prizorgas la vortaron al la federacio donacitan de kdo v. d. Eijnde, dum bonvole helpis kelkaj de tempo al tempo i.a. kdo Th. Buis (rezenco libroj) kdo Is. v. Praagh, adm.-katalogo L.E. k.a.

## NIAJ VERKANTOJ.

Por nia Federacio verkis: kdo G. P. De Bruin, „Gvidilo" kaj „Wat ieder van Esp. weten moet; kdo G. J. Degenkamp „La Konsilanto"; kdo Faulhaber „Skriba Kurso"; kdo Jac Lem Jr. „Nia Lernolibro" kaj „Vertaalde oefeningen";

Kdo J. v. Wijngaarden prezentis al la fed.-estraro projekton por nova lernolibro, kiu pro diversaj kialoj ne povis esti akceptita.

## DONACO.

Kdo v. d. Eijnde donacis al la federacio sian vortaron, por kiu li pli ol 20 jarojn laboris.

## INTERKONTAKTILO.

En ĉi tiu jaro Interkontaktilo aperis 6 foje. Ĝi enhavas la internajn komunikojn por la sekciestraroj kaj ceteraj gvidaj instancoj.

## NIA KONGRESO.

La 18a kongreso de nia Federacio okazis en Amsterdam. Tiu bonsukcesinta kongreso ankoraŭ estas en ĉies memoro. Ĉeestis la kongreson 500 personoj. Estas la unua fojo, ke ni kongresis dum 2 tagoj. La tagordo de nia kongreso nepre bezonis tiun aranĝon. Malgraŭ ke oni esprimis la dubon pri sufiĉe da atentemo ĉe la ĉeestantoj, ni konstatis seninterrompan intereson ne nur ĉe la delegitoj sed ankaŭ ĉe la ceteraj ĉeestantoj.

Raporto pri ĉi kongreso aperis en preskaŭ la tuta gazetaro nederlanda. Interne kaj ekstere nia federacio montris per ĝi plifortiĝon, viglecon kaj aktivecon, kio favore ne estis senefika. La impreso de ĉi kongreso sendube atestas pri la povo de la federacio.

**SAT.**

La interrilatoj kun SAT estis daŭre amikaj kaj konformaj al la Gotenburga konvencio. Pro la liverado de S-ulo al niaj anoj la interrilatoj plifirmiĝis kaj tio donas fruktojn ambaŭflanke. En la XIIa kongreso de SAT la sekretario reprezentis la Federacion. La elspezojn por tio portis la fed.-kaso.

Laŭ la novaj statutoj de SAT nia Federacio rajtas delegi reprezentanton en la Ĝ K de SAT. Kiel ĝenerala konsilantarano por la federacio estis elektita kdo Alings. La fondiĝo de la nova Internacio „ISE" same kiel la fondo de IPE kaŭzis denove malagrablaĵojn sed ĝi tamen ankaŭ plifirmigis la konstaton, ke nur la strukturo, kia estas de SAT donas la ĝustan bazon. Se nia federacio devus barakti en interbatalo por Internacio, ĝi sendube jam estus grave dissplitigita kaj la skismo mordegus pli grave en niaj vicoj.

La t.n. apeldorna rezolucio, kiu celas malebligon de enpenetro en niaj vicoj de tiuj elementoj, kiuj celas aliĝon de landaj organizoj al internacio, ree montris estis necesa. Bedaŭrinde ni denove estis devigitaj apliki ĝin. Ne nur pro la fakto, ke ĝi estas deviga, sed precipe pro la fakto, ke eĉ laboremaj kdoj montris sian nekomprenon pri la gravo de la interrilatoj kun SAT kaj ties strukturo por nia Federacio, devigante la federacion apliki la apeldornan rezolucion anstataŭ ke ili akceptis la konsekvencojn de sia agado.

**DIVERSAJ CIRKULEROJ.**

Aperis cirkulero „Wat is en wat wil de Federatie" 1000 ekz. (ciklostilita); Interkontaktilo 6 numeroj kun entute 1200 ekz.; gazetarservo 18 bultenoj entute 5500 ekz.; 600 cirkulerojn por la Maja-numero de L. E. kaj diversaj aliaj cirkuleroj kun entute 1000 ekz. Ĉion ni mem ciklostilis.

**LA ESTRARO.**

La estraro konsistis el la kdoj Faulhaber, prezidanto; Krijt, vic-prezidanto, en la kongreso anstataŭigita, pro ne akcepto de reelekto, de kdo De Lange; kdo Veen sekretario; kdo Prent, 2a kasisto; kdo Koch, kasisto; kdo Alings redaktoro; kdo Kroonder, 2a kasisto, kaj kdino Faulhaber, asesorino.

La taskoj estis jene dividitaj inter la estraranoj:

Kdo Faulhaber krom la prezidanta tasko okupis sin pri la instruado, li estas ano de la E. K., gvidanto de la lingvorubriko en L. E. (kun kdo Degenkamp), li verkis sian skriban kurson, okupas sin pri nova skriba kurso por B-diplomo; helpita de lia edzino, kiu krome prizorgas la ekspozician materialon kaj en la unua duono de la jaro la vojaĝantajn bibliotekojn; la tuta hejmo estas daŭre okupata.

Kdo Krijt partoprenas en la E. K. kaj en la „Ondespko".

Kdo De Lange, elektita en la pasinta kongreso, poste okupis sin pri la vojaĝantaj bibliotekoj, adresaro kaj membrolisto; kdo Veen kaj kdo Prent prizorgas la sekretariajn taskojn, Gazetarservon kaj Interkontaktilon (ĉar necesis apartigi por tio ĉambron (kontoreton) ni trovis aranĝon; la federacio repagas troan luon, ktp.)

Kdoj Koch kaj Kroonder okupis sin pri la administrado kaj la Libro-Servo. En la hejmo de kdo Koch ĉi ĉio estis instalita ĝis kiam ni trovis alian solvon (vidu L.S.) Kdo Alings okupis sin pri la redaktoro-laboro kaj prizorgas kaj korektas ĉiujn eldonaĵojn de la Federacio. Li prezentatas la Fed.-estraron en SAT. Cetere la estraranoj helpas regule unu la alian.

La estraro kunvenis 24 fojojn en ĉi jaro. La kunvenoj okazas laŭvice hejme ĉe la estraranoj.

**KOMISIONO POR SKRIBA KURSO.**

La fed.-estraro instalis komisionon por efektivigi skriban B-kurson. Anoj estas kdoj Faulhaber, Krijt kaj Kruit. La sekretario.

## Jarraporto pri 1933 de nia Flandria Sekretariejo.

Traleginte la jarraporton verkitan la pasintan jaron mi tuj ekatentis pri la tiam faritaj promesoj. Oni ne nur ilin plenumis. Oni faris veran organizan movadon. Komenciĝinte, ni nun firme enradikiĝis kaj niaj fundamentoj estas garantio por hela estonto.

La pasintan jaron ni nur povis mencii tri sekciojn, Antwerpen, Brussel, Gent.

Nun ses sekcioj reprezentas nian Federacion en nia regiono. Nome, Antwerpen, Boom, Brussel, Deurne, Gent, Oostende.

En aliaj lokoj baldaŭ stariĝos novaj sekcioj. La membraro kreskas, ne kompare al niaj novaj progresoj, sed tamen kontentige.

Ĉiuj sekcioj organizas kursojn. Ili nun preskaŭ ĉiuj uzas „Nian Lernolibron". La Antverpena sekcio gvidas kursojn en Boom, Willebroeck, St. Niklaas, Burght, Edeghem kaj en Merxem.

Gent, siavice ankaŭ iras la saman vojon, ili ankaŭ gvidas kurson en Ledeberg, kie, ni esperas, niaj Gentaj ĝekam. baldaŭ rikoltos la fruktojn de sia nelacigebla penado.

En la oficiala organo de la socialista kontraŭmilita ligo ni sukcesis malfermi konstantan Esperanto-rubrikon. Domaĝe, malgraŭ ripetitaj promesoj, oni ne ankoraŭ posedas la supersignitajn literojn.

La Gazetarservo bone funcias. Ĝin plenumas: Antwerpen, kdo Willekens; Gent, kdino DeCock; Brussel, kdo Van Gerfsom; Oostende, kdo Troch.

Korespondado. La korespondado ne estas pli ampleksa ol la pasinta jaro proks. same. Gazetoj estas sendataj al diversaj redakcioj.

**Propagando.**

Ni faris propagandon laŭ ĉiuj rimedoj. Precipe la gazetoj estas uzataj por anonci komencon de kursoj. Sciigoj pri progreso aŭ pri paroladoj aŭ konferencoj.

Tre trafan propagandon ni faris eldonante dulingvan flugfolieton dum la porpaca manifestacio kiu okazis en Antwerpen. 10.000 da tiaj fugfolietoj estis disdonitaj. De post tiu tempo. La organiza komitato ĉiam komunikas al ni sian laborkalendaron.

**Konkludo.**

Niaj sekcioj, ĉiuj novaj, rapide adaptiĝas al la esperantista vivo. Ĉiuj bone vivas kaj kompreneble eklaboras. Nia komenciga epoko estas nun for. La starigitaj sekcioj prilaboras la kampojn en siaj ĉirkaŭaĵoj kaj denove promesas prezenti al vi, ankoraŭ pli bonan rezulton en la proksima jaro.

## Al Valencia.

**Provizoraj komunikoj**

por la Nederlandaj SAT-anoj, kiuj intencas partopreni en la SAT-kongreso en Valencia dum Aŭgusto.

Per fervojo, vojaĝo **tien kaj rien,** IIIa klaso kun komuna bileto, de el Roozendaal proksimume f 52.00.

Ĉe tiu prezo venos la vojaĝkostoj al Roosendaal kiu estas por la plej malproksimaj lokoj maks. f 8.— (fervoja feriobileto).

Plena restado en „Valencia" dum 6 tagoj. En modesta hotelo, enkalkulitaj la elspezoj dum la vojaĝo, f 10.—. En malpli modesta hotelo enkalkulitaj la elspezoj dum la vojaĝo f 18.50.

La tuta sumo bezonata do estas pl.m. f 70.—, krom la pasporto.

Pripensu ke tiuj prezoj per fervojo nur estas eblaj se la partopreno estas sufiĉa. Do de nun: ŝparu! Pli da komunikoj sekvas.

H. Bishoff,
R. Claeszenstraat 46 huis,
Amsterdam-West.

## Ĉu mankas argumentoj?

„La Socialisto" de 1 Okt. (kiun ni ricevis nur en Jan.) denove miksas sin en niaj aferoj, publikigante, kiel ĝi diras „kelkajn detalojn" rilate al la eksiĝo de 3 ISE-anoj, el nia konsilantaro-kunveno de Sept. Ni ne scias pri kio pli miri, ĉu pri la redakcio de La Soc., kiu kredigas al si, ke nia Fed.estraro kaj konsilantaro konsistas el tiaj stultuloj kiajn mensoge prezentis al ĝi la raportinto, aŭ pri la federacia konsilantarano (aŭ gasto?) kiu kuraĝas tiel klaĉi.

Post kiam li „citis" argumentojn okulfrape stultajn, de ni *ne* uzitaj, li diras, ke la Fed. konsilantaro simple aprobis la paŝon de la Fed.-estraro (kio do fakte signifas ke la faro de la estraro estis ĝusta), kaj daŭrigas;

„Tiel agas la estraro de FLE, kiu permesas al la anoj aliĝon al la burĝa UEA, okazigínta kongreson sub la signo de l' hokokruco kaj sub la sonoj de la HorstWessel-kanto, sed ne toleras la apartenon al Internacio de socialistaj esperantistoj. Tiun fian sintenon ni trankvile lasu al la juĝo de la historio."

Anstataŭ lasi tion al la juĝo de la historio oni klopodas false influi la historion, ĉar oni la vortojn post FLE ĝis HorstWessel-kanto substrekis!

Tiel oni kombinas nian FLE al la faŝismo pere de supozita permeso aliĝi al UEA.

Kies sinteno do estas fia?

Ĉu ne estas jam fia la diro, ke FLE „permesas" aliĝi al UEA dum neniam skribe, nek parole, FLE esprimis sian premeson?

Kiom fia tiu diraĵo estas, vi tuj konstatas se ni anstataŭas la nomon de nia federacio en supre citita frazo per ALLE kaj ISE!

Ja ankaŭ tiuj organizoj neniam *malpermesis* (do permesas!?) la aliĝon de siaj anoj al UEA. Se malpermeso estas necesa, kial tiuj asocioj, kies gazeto mallaŭdas nin pro tio, ne antaŭiris en la malpermeso?

---

Ĉar hazarde(?) troviĝas ĉe la proponoj por nia kongreso unu kiu celas esprimi malpermeson por la Fed-anoj aliĝi al UEA, ni koncize pri tio klarige diras nian opinion.

UEA estas burĝa asocio kaj nian opinion pri la burĝaj esp. organizoj la legantaro de LE konas. Ni ofte akcentis, ke la laboristaro trovas sian lokon en nia Fedarcio kaj en SAT. Ni tamen imagu al ni, ke nur la laboristaj esperantistoj estas la antaŭen puŝantoj de la esperanto-movado. En rondoj kie ni laboristoj ne povas influi, la burĝaj esp.istoj eble povas sukcesi.

Tiaj sukcesoj estas ankaŭ utilaj por

